# Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| Aŭstra: | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72 487. |
| Belga: | H. Rainson, Lange Penninkstr. 17, Mecheln. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | Pierre Pichon, Etriché (Maine et Loire.) |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21. Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Boráros tér 6, IV. 1. Budapest, IX. |

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen. Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig. Poŝtĉekkonto: 202 100 |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50 304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Atentu!

**Unueca abonprezo por ĉiuj abonantoj estu 1 USA-dolaro aŭ egalvalora valuto!**

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer".

Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

10-a jaro. Numero 8/9
Aŭgusto-Septembro 1931

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 26379
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo

ENHAVO: Voĉoj de l' homaro: Decido de la Rotaria Kongreso en Vieno 1931 (al nia programo 11) — Pri la jugoslava pedagogio dum la jardeko 1920—1930 (al 131) — Eduko kaj pedaio (sesa letero) (al 131) — Unu grava pedagoga demando (al 134) — Tutregna Asocio de ĉeĥoslovakaj instruistinoj (al 212) — Recenzoj (al 231). — Aldono: Ĝisnunaj rezultoj de uzado de testoj kiel kontrolo de Esperanto-instruado.

## Voĉoj de l' homaro.

### Decido de la Rotaria Kongreso en Vieno 1931:

Multaj rotarianoj observas maltrankvilege, ke la nuna stato de l' armado de nacioj estas daŭrigata, ili konsideras tion kiel gravan minacon de l' mondpaco kaj kiel okazigon al milito. Tial Rotario decidis dum sia 22-a kongreso, reprezentante 158 000 eminentajn negocistojn kaj profesiulojn, akceli ĉian paŝon de registaro, kiu kunhelpas al tio, ke la malarmigo-konferenco en Ĝenevo 1932 instigos, malpliigadi grandskale armilaron de la mondo.

---

## Pri la jugoslava pedagogio dum la jardeko 1920—1930.

De Stanko Prvanoviĉ, Halovo p. Zaječar.

Konate estas ke Jugoslavio naskiĝis la 1-an de decembro 1918. Post la mondmilito unuiĝis en unu ŝtato tri frataj, ĝis tiam apartigitaj, gentoj: Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj, kaj kreis nunan Jugoslavion.

Ĝis la unuiĝo, ĉiu el la nomitaj gentoj vivis per sia propra vivo, kaj pli malpli aparte unu de alia. Ĉiu el ili havis sian propran kulturon, kaj sekve de tio, sian propran evoluan gradon de pedagogio, sian propran pedagogian literaturon t. e. sian propran pedagogion, se mi povas tiel diri.

Je kiu evolua grado troviĝas la pedagogio ĉe ĉiu de tiuj ĉi gentoj (popoloj) en tempo de ilia unuiĝo? Por respondi al tiu demando ni devas rememori la fakton, ke la pedagogio de Herbart, Ziller, Rein kaj iliaj disĉiploj, pro certaj kaŭzoj, nenie estis atinginta tioman grandan sukceson kaj nenie ĝi estis disvastiĝinta tiom kiom inter balkanaj popoloj. Ĉe tio, la centro de tiu pedagogio tute konformis kun la centro de Balkana duoninsulo t. e. la peda-

gogio de Herbart sian kulminon atingis ĵus en Serbio kaj en serbaj lernejoj. Irante norden kaj okcidenten de la centro, influo de Herbart'a pedagogio estis pli kaj pli malforta. Do, en pasintan jardekon Serboj eniris kun tre forta, disvastigita kaj populara Herbart'a pedagogio. Ĉe Kroatoj ĝi estis malpliforta, kaj ĉe Slovenoj ĝia influo estis tre malgranda.

Tia estis la afero el teoria vidpunkto. En praktiko ĉie estis reginta malnova lerneja sistemo kun plenaj verbalismo, meĥanismo, formalismo, intelekta materialismo ktp.

Kiel la pedagogio eniris, tiel ĝi restis, preskaŭ senmova, dum la unua duono de la jardeko 1920—30. Dum la mondmilito multaj libroj, precipe sur la teritorio de antaŭa sendependa Serbio, estis forigintaj, perdigintaj kaj bruligitaj. Pro tio dum la unua jardeka duono oni nur represigis kaj reaperigis librojn kaj verkojn eldonitajn antaŭ la mondmilito. Tio okazis kun ĉiuj literaturaj verkoj kaj ankaŭ kun la pedagogiaj. Krom tio, la pensuloj, intelektuloj kaj pedagogoj, dum unuaj jaroj post la milito, apenaŭ trankviliĝis, ripozis kaj refreŝiĝis de militaj teruroj, panikoj kaj aliaj maloportunaĵoj. Tial tuta duono de la jardeko pasis sen gravaj movoj, grandaj reformoj, tute laŭ malnova vojo. Krom kelkaj tradukaĵoj, psikologiaj kaj pedagogiaj, kiel originalaj verkoj aperis nur kelkaj apartaj didaktikoj, inter kiuj notindaj estas: Didaktiko por instrui gepatran lingvon en elementaj lernejoj (aperis 1923) de profesoro Jov. Dj. Jovanoviĉ; Didaktiko por religia instruado (1921); Didaktiko por instrui belan skribadon (1925) kaj Didaktiko por kanta instruado, ĉiuj en elementaj lernejoj, de Vuj. Petkoviĉ, popollerneja instruisto.

En la jaro 1923 aperis Didaktiko de desegnado en elementa lernejo de Prof. V. Stefanoviĉ. En sama jaro ankaŭ aperis I-a kaj II-a volumoj de la kolektaĵo „Teorio kaj praktiko en elementa lernejo" de Prof. Al. Mariĉ. La unua volumo traktas pri la eduka tasko, la dua — pri du temoj: a) Aboco-libreto estas ĉefa malhelpaĵo ĉe bona kaj sukcesa instruado de skribado kaj legado; b) Legado (scipova, celkonscia) en tria lernjaro. En 1924 aperis tria volumo de sama kolektaĵo pliampleksa (140 paĝoj), kiu detale pritraktas instruadon de gepatra lingvo en elementaj lernejoj.

Ĉiuj tiuj verkoj didaktikaj estas verkitaj pli malpli en Herbart'a pedagogia spirito. Ili donis nenion novan. Kontraŭe, ili perfektigis malnovajn metodojn kaj didaktikajn manierojn. Preskaŭ ĉiuj enhavas plidetalajn kaj plisistemajn elaboritajn prelegojn kaj lecionojn, kiujn la aŭtoroj faris en pedagogiaj lernejoj (porinstruistaj) pli frue. Pro tio ili prezentas pli lernolibrojn por gestudentoj de porinstruistaj lernejoj ol fundamentajn sciencajn verkojn, kiuj traktus kaj kritikus diversajn pedagogiajn kaj didaktikajn temojn el pedagogia, psikologia kaj sociologia vidpunktoj.

Tute aparte de tiuj ĉi verkoj en jaro 1922 aperis du verkoj: „Didaktiko de labor lernejo" de D-ro Jur. Turiĉ kaj „Pri la fundamento de scienco pri edukado" de D-ro Voj. R. Mladenoviĉ. La lastan sub titolo „Über die Grundlage der Erziehungslehre" aperigis ankaŭ Prof. G. F. Lipps en sia kolektaĵo „Beiträge zur Pädagogik und Psychologie, Heft 1". Pri pedagogiaj kaj psikologiaj opinioj de D-ro Mladenoviĉ, kiuj estas reprezentitaj en tiu ĉi verko kaj kiujn li propagandadis dum la tuta pasinta jardeko, mi parolos iom malsupre. Tie ĉi mi nur mencios la ĉefajn temojn,

kiujn la verko pritraktas. Ili estas: „Herbart'a sistemo de edukado, fondita (kreita) je mekanismo de imagoj“; „Eksperimento en servo de tiuj konceptoj, kiuj fundamente ne diferenciĝas de Herbart'aj“; „Natureca ideo en edukado de Pestalozzi“; „Edukado por sendependa enviciĝo en viva komunumo“. En la kadro de tiuj ĉi temoj la aŭtoro, kun granda kaj profunda kono, komentarias kaj klarigas la fundamentojn de Herbart'a, unuflanke, kaj Pestalozzi'a, aliflanke, skoloj, kaj ankaŭ la filozofiajn, psikologiajn kaj sociologiajn fundamentojn kaj faktojn, sur kiuj kreiĝas kaj realiĝas la laborlernejo kaj nova pedagogio de vivanta komunumo. Tiu ĉi verko prezentis novaĵon en jugoslava pedagogio dum la unua jardeka duono. Tamen ĝi restis sen granda influo je fluo kaj evoluo de teoria kaj praktika pedagogio. Tiu ĉi ankaŭ plu iris sian trabatitan vojon.

De tiu tradicia vojo ĝi komencis devojiĝi nur tiam, kiam de la Okcidento komencis alveni grandaj ondoj de la nova pedagogio. Kiam en Okcidento sekiĝis kaj senanimiĝis la fontoj, el kiuj fluis Herbart-Ziller'a metodo kaj pedagogio, precipe post la morto de lasta granda Herbart'ano W. Rein, tiam ankaŭ en Jugoslavio malfortiĝis Herbart'a pedagogio kun ĉiuj siaj malbonaĵoj kaj malperfektaĵoj. Tio okazis en plej granda grado, kiam nin atingis la rezultoj de Dalton-plan, Projekt-Method, Laŭcela aktiveco, Decroly-Metodo, Kompleksa metodo, Jena-plan kaj aliaj novaj kaj modernaj provoj de lerneja praktiko, kaj pedagogiaj movadoj.

Do, fine de la unua kaj komence de la dua jardeka duono la pedagogio en Jugoslavio deiris alian vojon, novan kaj pli modernan vojon. Jen oni aperigas multajn tradukaĵojn traktantajn pedagogion kaj edukan laboron el nova, nuntempa vidpunkto. Ankaŭ hejmaj pedagogoj komencis aperigi originalajn verkojn en nova pedagogia spirito. En tiu rigardo antaŭmarŝas Slovenoj. Ili plejfrue kaj plejrapide trapasis je moderna (kompreneble el teoria vidpunkto) pedagogio, sed ne eble estas al mi citi ĉiujn iliajn verkaĵojn. Notindaj estas la laboroj de D-ro K. Ozvald („K u l t u r a  p e d a g o g i o“), D-ro Gogola, D-ro Franjo Jgeĉ, A. Ostrec, Ernest Vranc, M. Senkoviĉ, A. Jerjav, Pavle Flere kaj multaj aliaj.

Ankaŭ Kroatoj kaj Serboj ne malfruis. En Zagreb multe laboris kaj laboras por nova pedagogio kaj laborlernejo Prof. Salih Ljubunĉiĉ. Li, precipe de 1927, forte kaj senlace laboras je disvastigo kaj venko de novaj pedagogio kaj didaktiko. En instrua laboro li postulas, ke oni enkonduku aktivecon kaj memlaboron kaj ĉion, kio karakterizas laborlernejon. Krom multnombraj artikoloj Ljubunĉiĉ eldonis kelkajn originalajn verkojn, inter kiuj pli gravaj estas: „L i b e r a j  l e r n a n t a j  v e r k a d o j  e n  e l e m e n t a j, ĉ e f a j  k a j  p l i m a l s u p r a j  m e z a j  l e r n e j o j“; „D a l t o n - p l a n  m e t o d o“; „I n s t r u a d o  d e  n a t u r s c i e n c o“; „D i d a k t i k o  d e  m a t e m a t i k a  i n s t r u a d o  l a ŭ  p r i n c i p o j  d e  l a b o r l e r n e j o“, en kiu estas donitaj teoriaj kaj praktikaj direktadoj por instrui kalkulon en elementaj, ĉefaj kaj malsupraj mezaj lernejoj; „Infanoj estas troŝarĝitaj per instruado“, verko kiu klare kaj evidente montras, kiom troŝarĝas niajn infanojn lerneja laboro laŭ malnova pedagogia koncepto per siaj planoj kaj programoj. La aŭtoro montras kiel, per adapto kaj enkonduko de laborlernejaj principoj, oni povus liberigi infanojn de troa intelekta materialo. Fine la lastan jaron (1930) Ljubunĉiĉ aperigis sian plejampleksan kaj plejgravan verkon „L a b o r l e r n e j o“, kiu pritraktas jenajn temojn: „Manlaboro kaj laborlernejo“; „Influo de arto je

organizado de laborlernejo"; „Reformaj provoj"; „Socia edukado kaj labor-lernejo"; „Pedagogia determinado de vojo kaj celo de laborlernejo" kaj „Aktiva instruado". La aŭtoro opinias, ke la plej bona vojo en instruado estas tiu de Alois Fischer kun kvar gradoj: komencado de problemo (takso), starigo de plano de laboro, plenumado de la definita laboro kaj kritiko (kontrolado).

Krom tio en Zagreb delonge funkciadas societo „Pedagog-literatura korporacio", kiu daŭre eldonas pedagogiajn kaj porinfanajn verkojn. Tiu ĉi korporacio longe restis en la kadroj de malnova Herbart'a skolo, sed lasttempe oni rimarkadas iom-post-ioman alproksimiĝadon al modernaj pedagogiaj movadoj. Antaŭ nelonge ĝi eldonis tre bonajn didaktikajn laborojn de Prof. St. Kriĵaniĉ. Ankaŭ ĝi (tiu ĉi korporacio) eldonadas monatan pedagogian revuon „Napredak" (Progreso), kiu ĵus finis sian 71-an jaron. La revuo publikadas diversajn artikolojn traktantajn teoriajn kaj praktikajn lernejajn demandojn.

Sur la teritorio de antaŭa Serbio plejforta, plejaktiva kaj plejmerita longjara porbatalanto por enkonduko de manlaboro kiel lernobjekto en edukajn lernejojn estas Jov. S. Jovanoviĉ, direktoro de porinstruista lernejo. En tiu senco li luktas preskaŭ 40 jarojn. Dum pasinta jardeko li evoluiĝis iom siajn opiniojn kaj akceptis lernejan manlaboron ne nur kiel apartan devigan instruan objekton (fakon), sed ankaŭ kiel ĝeneralan instruan principon en instruado de ĉiuj ceteraj lernejaj fakoj. Li aperigis: En 1926 „T a b e l o j n p o r v i r a m a n l a b o r o" en popollernejoj kaj „L e r n e j a l a b o r e j o", en kiu la aŭtoro donas metodajn principojn kaj praktikajn direktadojn por manlabora instruado en elementaj kaj ĉefaj (burĝaj) lernejoj. Tiu ĉi libro estas plejkompleta de sia speco kaj ampleksas ĉion, kion la oficiala programo postulas. Pro tio, ĝi servas kiel gvidilo al ĉiu instruisto. En 1925 Prof. Jov. S. Jovanoviĉ ekfunkciigis la revuon „Radna škola" (Laborlernejo) kiel organo de „Societo de amikoj de labora instruado". En 1929 li aperigis kvin ampleksajn librojn de sia kolektaĵo „P e d a g o g i o" nome: 1. P e d a g o g i a f i z i o l o g i o, 2. P e d a g o g i a p s i k o l o g i o, 3. D i d a k t i k o, 4. M e t o d i k o kaj 5. L e r n e j a o r g a n i z a d o. Ĉiuj estas destinitaj al (porinstruistaj) gelernantoj, kiuj sin preparas por popollernejaj instruistoj.

Je reformo de nia lernejo dum la pasinta jardeko (kaj ankaŭ nun) multe, konscie kaj kompetente laboris antaŭe menciita D-ro Voj. R. Mladenoviĉ, profesoro kaj inspektoro de Ministerio de Klerigo. Vere li multe ne verkis, sed tio, kion li verkis kaj verkas, havas, laŭ mia opinio, ne nur por la jugoslava, sed por ĝenerala pedagogia scienco, grandegan gravecon. D-ro Mladenoviĉ karakteriĝas per granda kritikismo kaj profunda logika pensado. Li ne konformiĝas je disvastigita laŭdo aŭ malaproba kriado je iu ajn pedagogia sistemo aŭ direkto. Li prudente kaj atenteme prijuĝas pri ĉio, kaj li havas siajn proprajn juĝojn kaj opiniojn koncerne pedagogion kaj edukan laboron. — Laŭ Mladenoviĉ spirita vivo ne konsistas el elementoj kaj iliaj kombinaĵoj. Ĝia primara fenomeno estas agado, aktiveco. Agadon kaj aktivecon infano kunportas kun si je sia naskiĝo. Infano estas aktivema, antaŭ ol ĝi havas konscion pri tio. Nek mondo, nek eksteraj influoj kaŭzas tiun ĉi aktivemon (aktivecon). Eksteraj influoj nur okazigas disbranĉiĝadon de aktiveco, kaj primara kapableco por tiu ĉi disbranĉiĝado estas donita al infano kun ĝia naskiĝo. E v o l u i g i t i u n ĉ i a k t i v e c o n k a j h e l p i ĝ i a n

disbranĉiĝadon — jen tio signifas edukadi. Ĉar de naskiĝo ekzistas en infano ĉio, en formo de ĝermo, kion oni devas evoluigi kaj eduki, edukado ĝuste prezentas helpadon kaj gvidadon de spirita kaj anima evoluo. Sed, ĉar evoluado kaj formado de unuopaj individuoj estas eblaj nur en viva komunumo, ĉar unuopa vivo akiras sian sencon kaj atingas sian celon nur en viv-komunumo, fine ĉar ĉiu unuopa evoluado akiras sian naturan finon tuj kiam ĝi atingas la spiritan staton (gradon, ŝtupon) de koncerna viva komunumo, D-ro Mladenoviĉ opinias, tute prave, ke la tasko de edukado estas kapabligi edukaton por memstara enviciĝo en koncernan vivan komunumon. — Koncerne la metodon, kiu servos al ni por atingi la edukan taskon, D-ro Mladenoviĉ opinias, ke ni ne povas evoluigi la agadon kaj primaran aktivecon per apartaj lecionoj kaj admonoj, sed nur per memlaborado kaj propraj travivaĵoj de infanoj.

Ankoraŭ unu pedagogo, kiu forte batalis, precipe lasttempe, por nova pedagogio kaj aktiva lernejo estas D-ro Vlad. J. Spasiĉ, profesoro. En 1929 li ekmovis la „Bibliotekon de nia nova lernejo", kies volumoj aperas periode. La unua volumo estas titolita: „Enkonduko en la novan pedagogion kaj nuntempan edukadon." Ĝi pritraktas la signifon de alta, spirita kaj ideala komunumo, kiu samtempe plenumas edukan funkcion. Tial la nova pedagogio celadas sintezigi ĉiujn nuntempajn edukajn tendencojn en unueca Pedagogio de komunumo. La dua volumo „Enkonduko en la novan lernejon kaj nuntempan instruadon" aperis en 1930. Post mallonga kritiko de tradicia lernejo la aŭtoro priskribas, ankaŭ mallonge kaj koncize, unue la evoluon de laborlernejo kaj poste ĉiujn fluojn, direktojn, sistemojn, provojn kaj metodojn nuntempajn, kiaj estas: Laborlernejo de Lay („Tatschule"), Aktiva lernejo de Ferrière, Unueca laborlernejo en Rusio, Produktema lernejo en Germanujo, Kooperativaj lernejoj en Francio, Kompleksa metodo, Projekt-metodo, Decroly-metodo. Per unu vorto, la aŭtoro konigas nin kun ĉiuj provoj kaj eksperimentoj de la nova lernejo (Jenaplan kaj aliaj). — Redaktoro de tiu ĉi biblioteko promesis ke, en venontaj numeroj, estos pritraktitaj plidetale pli gravaj metodoj kaj didaktikaj problemoj en lumo de nova pedagogio kaj nuntempa instruado, sed, verŝajne, li ĉesis pro malbona vendado de unuaj numeroj — fenomeno, kiu akompanas ĉiujn novaperintajn pedagogiajn verkojn, kaj pri kiu mi parolos pli malsupre.

Ankaŭ D-ro Pajo Radosavljeviĉ, profesoro de pedagogio ĉe universitato de New York, per siaj multaj artikoloj kaj aliaj verkoj influis, en pasinta jardeko, la evoluon de nia jugoslava pedagogio. Plej grava kaj plej ampleksa lia verko estas „Enkonduko en eksperimentan pedagogion", kiun eldonis en du volumoj antaŭe menciita Pedagogia-literatura Korporacio.

Notindaj estas „La Pedagogia Biblioteko" kaj „Pedagogiaj Klasikuloj", kiujn redaktas D-ro Milan Ŝeviĉ, universitata profesoro en Beograd. La pedagogia biblioteko periode aperigas unuopajn verketojn pedagogiajn kaj psikologiajn originalojn kaj tradukojn, kiuj daŭre konigas nian geinstruistaron kun ĉiuj aktualaj pedagogiaj kaj psikologiaj problemoj kaj novaĵoj en kadro de tiuj sciencoj. Ĝi komencis aperi en 1908 kaj ĝis la milito aperis 8 kajeroj (volumoj). Dum la mondmilito ĝi estis ĉesigita kaj reaperis en 1920. De 1920 ĝis 1930 aperadis daŭre kaj aperis 58 kajeroj (volumoj). — La kolektaĵo „Pedagogiaj klasikuloj" komencis aperi de 1922 kaj ĝis 1930

aperis 6 libroj — plejgravaj verkoj de grandaj pedagogoj-reprezentantoj de diversaj popoloj (Kant, William James, Rousseau kaj aliaj).

Fidelaj kaj popularaj pedagogoj de Herbart-Ziller'a skolo (inter kiuj plejmeritaj estas D-ro D. Rajĉiĉ, D-ro Sig. Ĉajkovac, Jov. Dj. Jovanoviĉ, D-ro Drag. Petroviĉ) ankaŭ laboris kaj verkis dum la tuta jardeko. Ili verkis en pli malpli malnova spirito, sed dum la lastaj jaroj iliaj laboroj kaj artikoloj estiĝas pli kaj pli raraj, kiuj, plejofte, nur defendas antaŭajn verkojn kaj opiniojn de atakadoj venintaj de pedagogiaj novuloj kaj reformuloj. Tamen ankaŭ iuj el ili estas emaj, akcepti multajn novaĵojn. Ekzemple D-ro Duŝan Rajĉiĉ volas akcepti ĉiun novaĵon pravecan, prudentan kaj taŭgan. En sia tre grava verko „Instruado de gepatra lingvo en elementaj lernejoj", kiu aperis en 1928, malgraŭ tio ke ĝi estas verkita en Herbart'a spirito, ni trovas multajn novaĵojn. Precipe en komencaj leg- kaj skribinstruado kaj en lernantaj verkadoj, li plue adaptis novajn agmanierojn kaj metodojn didaktikajn.

La lastaj du jaroj 1929 kaj 1930 donis al ni multajn pedagogiajn verkojn, inter kiuj notindaj estas „Instruado de matematiko en elementaj lernejoj de Ĉed. T. Buŝetiĉ kaj „Instruado (didaktiko) de naturaj sciencoj en elementaj lernejoj" de Mil. R. Majstoroviĉ. Laŭdinde estas, ke ambaŭ verkoj estas verkitaj de popollernejaj instruistoj. La unua estas verkita laŭ metodo de nombrado (ne laŭ metodo de nombraj figuraĵoj, kiel ekzemple faras Lay) kaj donas multajn praktikajn instrukciojn por sukcesa instruado de kalkulo en elementa lernejo. La dua verko estas verkita laŭ rusa profesoro Pinkeviĉ kaj enkondukas multajn novaĵojn en natursciencan instruadon.

Kvankam, ĝis tie ĉi, mi ne notis ĉiujn aperintajn verkojn, tamen estas videble, ke jugoslava pedagogia literaturo ne riĉiĝis multe per originalaj verkoj en pasinta jardeko. Ankaŭ malmultaj tradukaĵoj aperis. Kial? Ĉu pro neagemo kaj seniniciatemeco de niaj direktantaj kaj gvidantaj pedagogoj? Tute ne! Ili estis ĉiam viglaj kaj pretaj, doni kaj publikigi ĉion, kio plibonigus niajn teorian kaj praktikan perfektiĝon, kaj ĉion, kio antaŭpaŝus niajn eduksistemon kaj lernejlaboron. Sed spite al sia agemeco kaj preteco ili ne verkis pliampleksajn fundament-esplorantajn, pruvantajn kaj dokumentantajn verkojn ĉefe pro tio, ke tiaj verkoj malbone vendiĝis. Tion ĉi, certe, kaŭzas la malbona materiala stato de geinstruistoj kiuj, same kiel ĉiuj oficistoj kaj tuta mondo, suferas sub la teroro de materialismo.

Tiun malplenecon en pedagogia literaturo tute anstataŭis kaj kompletigis niaj multnombraj pedagogiaj revuoj kaj gazetoj. Sub la plumo de niaj naciaj eminentaj pedagogoj kaj lernejaj praktikuloj la revuoj science, kompetente kaj ageme, dum la tuta jardeko, pritraktadis ĉiujn pedagogiajn problemojn kaj teoriajn kaj praktikajn. Ankaŭ ili regule donadis informojn pri ĉiuj lernejaj kaj edukaj novaĵoj naskiĝintaj enlande aŭ eksterlande. Mallonge: niaj pedagogiaj revuoj kaj gazetoj gvidadis kaj evoluigadis nian pedagogion, popularigadis ĝin kaj per tio ili antaŭpuŝadis niajn lernejajn aferojn kaj perfektigadis ĝeneralan kaj precipe fakan pedagogian instruitecon de nia geinstruistaro. Ili estas malmultkostaj kaj multajn el ili aĉetas lernejaj komunumoj, kaj pro tio ilin povas legi ĉiu instruisto.

Dum la jardeko en Jugoslavio aperadis krom malnovaj, antaŭmilitaj, ankaŭ aliaj revuoj, kiuj ekaperis precipe dum la dua jardeka duono. Mi mencios

nur pli bonajn, pli gravajn kaj pli disvastigitajn. Plej bona, plej grava kaj plej merita por pedagogia scienco estas la revuo „U č i t e l j“ (Instruisto). Ĝi estas monata organo de „Asocio de jugoslava geinstruistaro“ — 80-paĝa. Ĝiaj ĉefaj konstantaj rubrikoj estas: 1. Pedagogia movado kaj lernejreformo; 2. Psikologio; 3. Historio de edukado kaj instruado; 4. Instruada laboro; 5. Pedagog-kleriga trarigardo (informoj pri pedagogiaj novaĵoj); 6. Recenzoj (kun subrubrikoj: Hejma literaturo, Fremda literaturo kaj Novaj libroj kaj gazetoj); 7. Kroniko. Tiu ĉi jaro estas la 44-a de „Učitelj“. De komenco kun malgrandaj paŭzoj, ĝis la junio 1929, ĝin redaktadis Mih. M. Stanojević †, popollerneja instruisto. Kun grandega amo kaj rara kapableco li gvidadis la revuon, kaj per tio ankaŭ nian pedagogion, sed li estis ano kaj granda porbatalanto de Herbart-Rein'a pedagogio. Pro tio, dum lia tempo, artikoloj en spirito de novaj ideoj kaj reformoj rare aperadis en „Učitelj“. — Tute alian enhavon kaj alian direkton ricevis la revuo, kiam ĝi venis en la manojn de nuna redaktoro Vuj. Petković, ankaŭ popollerneja instruisto, pri kiu mi antaŭe parolis. Malgraŭ tio ke ankaŭ li estis Herbart'ano kaj ke li verkis didaktikajn verkojn (kiujn mi menciis en antaŭa parto de tiu ĉi artikolo) en spirito de Rein'a pedagogio, tamen li lasttempe evoluigis siajn opiniojn kaj adoptis novajn pedagogiajn kaj didaktikajn ideojn. Pro tio la revuo „Učitelj“ ricevis novajn vizaĝon kaj spiriton de novaj pedagogiaj tendencoj. — Al „Učitelj“ kunlaboradas plej eminentaj pedagogoj kaj plej lertaj lernejaj praktikuloj: de universitataj profesoroj ĝis popollernejaj geinstruistoj.

Alia nuntempa heroldo de pedagogiaj klopodoj kaj tre bona kunlaboranto kaj konsilanto, precipe de niaj Slovenaj geinstruistoj, estas pedagogia gazeto „P o p o t n i k“ (Vojaĝanto). Jam 52 jarojn ĝi plenumadas siajn klerigan kaj kulturan servon kaj taskon inter Slovenaj geinstruistoj. Pli ol iu ajn nia pedagogia revuo en pasinta jardeko „Popotnik“ klopodadis levi lernejon kaj lernejan laboron ĝis nuntempaj tendencoj de nuna produktiva epoko kaj pedagogio. Por ke oni vidu, kiajn temojn pritraktadas „Popotnik“, jen kelkaj artikoloj aperintaj lasttempe: „Ĉefaj celoj de nova pedagogio kaj ĝiaj rimedoj“, „Iuj opinioj pri edukado je komenco de lernjaro“, „Koncentrigado de instruado laŭ laborlernejo“, „Labora notkajero de niaj lernantoj“, „Infanaj manlaboroj en elementa lernejo“, „Aritmetiko en laborlernejo“, „Pri la instruista personeco“ kaj aliaj.

La disvastigon kaj popularigon de nova pedagogio kaj nunaj didaktikai reformoj multe helpadis (ankaŭ nun helpas) tre bone redaktita revuo „S a v r e m e n a Š k o l a“ (Nuntempa lernejo) kiu unuafoje aperis komence de la jaro 1927. Ĝi estas vera revuo de praktika pedagogio en nia lingvo. Ĝia redaktoro kaj eldonisto Zlatko Špoljar estas unu el niaj plejeminentaj kaj plejtalentitaj popollernejaj instruistoj. Li kaj liaj, ankaŭ eminentaj, kunlaborantoj (Ljubunčić, Krijanić, F. H. Mandić, profesoroj; Rukavina, Filajdić, Bjelovarac kaj aliaj) aperigis en „Savremena Škola“ multajn siajn eĉ tre ampleksajn artikolojn kiel: „Geometria kaj libera desegnado en elementa lernejo“, „Vira manlaboro en elementa lernejo“, „Virina manlaboro . . .“, „Esplorado de inteligenteco“, „Tutplena materialo de naturaj sciencoj“, „Tutplena instruado en unua lernjaro“ ordigita laŭ semajnoj, „Gimnastiko en elementa lernejo“ kaj multaj aliaj. Ĉiuj artikoloj pritraktadas teorie kaj praktike unuopajn demandojn kaj donas multajn utilajn instrukciojn al legantaro (geinstruistaro). — Krom la „Nuntempa Lernejo“ Zlatko Špoljar redaktas kaj eldonas du por-

infanajn gazetojn: „Vrelo“ (La fonto) kaj „Mala Pozornica“ (Malgranda teatro), ĉar li estas pedagogo, infana poeto kaj rakontisto, kaj komponisto de porinfanaj kantoj. Per siaj multnombraj artikoloj en siaj gazetoj, per originalaj verkoj el teoria pedagogio kaj praktika lerneja laboro, kaj ankaŭ per siaj diversaj lernolibroj por elementa lernejo, Zlatko Ŝpoljar multe antaŭpuŝis niajn pedagogion kaj lernejajn aferojn en pasinta jardeko.

Tie ĉi mi denove mencias la revuon „Napredak“ (Progreso). Alia valora revuo estas „Predavač“ (Prelegisto), kiun oni ekmovis je la jaro 1928, kaj kiu donas unuopajn prilaboritajn lekciojn el elementlernejaj lernobjektoj kaj artikolojn por plibonigo de lerneja praktiko. Ĝin eldonas ankaŭ Asocio de jugoslava geinstruistaro — Sekcio Beograd.

Fine dum la jardeko aperadis ankaŭ jenaj bonaj revuoj: „Pokret“ (Movado), „Nova Škola“ (Nova lernejo), „Instruisto en lernejo kaj popolo“ kaj multaj aliaj.

Asocio de jugoslava geinstruistaro eldonas dufoje semajne la gazeton „Narodna Prosveta“ (Popola Klerigo), kiu donas pleje artikolojn el kleriga politiko kaj luktas por plibonigo de materiala kaj morala stato de jugoslavaj geinstruistoj, sed ĝi ofte aperigas ankaŭ artikolojn el pedagogio, didaktiko, psikologio, pedologio, kaj per tio ĉi ĝi ankaŭ influas la evoluon de nia pedagogio.

Je speciala edukado de blinduloj kaj surdmutuloj multe laboris Veljko Ramadanović, Miodrag Matić kaj St. Ratković. La unua estas malnova fama edukisto de blinduloj kaj nun direktoro de plej granda domo por blinduloj en Jugoslavio kaj redaktoro de speciala revuo „Glas nedužnih“ (La voĉo de Senkulpuloj). Ramadanović multe luktas por edukado de senkulpuloj, kaj li multe verkis en tiu senco. — St. Ratković verkis: „Blinduloj kaj ilia edukado“. — Je edukado de spiritmalfortuloj dum la jardeko (kaj ankaŭ nun) laboris Ivan Dimnik, direktoro de helplernejo en Ljubljana kaj aliaj. Cetere, la pedagogia literaturo por speciala edukado en Jugoslavio estas ankoraŭ tre malriĉa kaj malforta.

K o n k l u d o. En pasinta jardeko jugoslava pedagogio antaŭpaŝis kelkajn paŝojn, sed pli en teoria senco ol en praktika direkto. En praktika direkto ĝi ne progresis multe. Escepte apartajn kaj izolitajn provojn, kiujn faris unuopaj progresemaj edukistoj-praktikuloj, ĉiu en sia lernejo, en sia klaso, laŭ siaj propraj iniciativo kaj persvadado, nenio alia estas entreprenita kaj farita. Ŝtata kleriga politiko dum pasinta jardeko estis gvidata tiel, ke oni ne povis fondi kaj malfermi eĉ unu poreksperimentan lernejon. Privata iniciativo ankaŭ mankis, ĉar preskaŭ ĉiui lernejoj estis ŝtataj, kaj laŭ la nova leĝaro ĉiuj privataj lernejoj estas malpermesitaj. Nur lastatempe, post la ŝanĝiĝo de tuta regada sistemo en la ŝtato (6-a de januaro 1929), tiu ĉi (la ŝtato) komencis labori je antaŭenpuŝado kaj progresigo de lernejaj aferoj laŭ eltrovoj kaj rezultatoj de nova pedagogia teorio kaj praktiko. En tiu rigardo la ŝtato komencis kun publikigado de nova lerneja leĝaro kaj aranĝado de diversaj kursoj, kies tasko estas prepari geinstruistojn por help-, special- kaj eksperiment-lernejoj.

La dua manko de jugoslava pedagogio estas ke ĝi, dum pasinta jardeko, ne estis unueca, ne moviĝadis kaj ne evoluiĝadis en sole unu direkto. La pedagogoj ne kunigis siajn fortojn, por direkti kaj kanaligi la pedagogion. Nia

nuna pedagogio apogas sin parte sur Gaudig, parte direktiĝas laŭ ideoj de Kerschensteiner, Seinig, Burger, Ferrière, P. Petersen, W. Paulsen kaj aliaj.

Pro tio, antaŭ nelonge aperis grandstila movado kun celo kunigi ĉiujn fortojn: ŝtatajn, privatajn, tiujn de eminentaj gvidantaj pedagogoj, por ke nia pedagogio kaj nia lernejaro ricevu propran jugoslavan karakteron, por ke, estonte, nia junularo estu edukita en spirito de nacia jugoslava unueco kaj komuneco.

---

# Eduko kaj pedajo.

## Sesa letero.

Kara kolego, kara kolegino!

(1) Bedaŭrinde mi ne ricevis ian respondeton je la letero lasta. Verŝajne vi ne konsentas mian diferencigon inter eduko kaj pedajo. Bonvolu do permesi min, turni vian atenton al diverseco de kieloj, kiuj estas karakterizaj por aŭ eduko aŭ pedajo.

(2) Eduko, t. e. alkutimigo de juna generacio al tradiciaj kutimaro kaj opiniaro, okazas ĝenerale je du ĉefmanieroj, kiujn ni nomu alkutimado kaj onidirado. Pedajo, t. e. sinformado je pliplenigo de sia individua homeco, okazas per interesiĝo (en la senco de intueca travivaĵo) kaj interparolo.

(3) Per la procedo de onidirado formiĝas la baza opiniaro de socianoj. La potenco de l' media kutimaro formadas ilian moran konduton. Dum interparolo homo formas sin per tio, ke li interne vidas animon aliulan. Kiu interesiĝas por la objektoj, pliriĉigas sian mondbildon. Ju pli plena via mondbildo, des pli individueca via homeco.

(4) Alkutimado kaj onidirado, interesiĝo kaj interparolo estas ĝeneralaj formoj de eduko aŭ pedajo. Estas edukataj kaj pedajas ja ĉiam homoj sen iaj intenco kaj plano. Intenca eduko aperas en specialaj manieroj, nome en la kieloj de konduko, lernigo, servado kaj kulto.

(5) Bonvolu kompreni je konduko ĉiajn ordonojn, laŭdojn, riproĉojn kaj punojn en eduka rilato, je lernigo la laŭtradician peradon de scioj kaj rutinoj, je servado ĉian periodan devolaboron en eduka rilato, kaj je kulto la diversajn ceremoniojn en familia, magia aŭ ŝtata sferoj.

(6) Krom ambaŭ ĝeneralaj kieloj de pedajo estas ankaŭ specialaj formoj, nome ludo, metoda kurso, laŭcela produkto (en la senco de l' greka vorto „ergon", germanlingve Werk*) kaj festo. Pedagogie konsiderate, ludo estas agado intueca-interesiga en libera formado. Metoda kurso estas instruanta interparolado rilate al certa objektaro. Laŭcela produkto („ergo") estas interesiga formado laŭ certa celo kaj metoda vojo. (La ĉefa celado de lerneja reformomovado moderna estas lernejo, en kiu la infanoj estas produktantoj en pedagogia senco.) Festo estas kielo de pedaja procedo, kiam partoprenanto en komuneca travivo plivastigas sian animon.

---

*) Angle: work, praparenca al la greka „en-ergeia" = energio.

(7) Mi nek povas nek volas en tiu letero detale pritrakti la diversajn formojn de eduko kaj pedajo. Pri ili mi jam skribis en mia verko „Eigengesetzliche Bildungslehre“ (Aŭtonomia pedagogio*). Estas praktike grava afero, ĉu pedagogo ekkonas diferencon inter edukanta kaj pedaĵiganta sintenadoj.

Mi tre dankus vin, se vi sciigus min, ĉu miaj esprimaĵoj estas kompreneblaj en la senefia lando Esperantujo.

Koran saluton

de via

Kurt Riedel.

*) Vidu IPR-n 1931, pĝ. 30.

---

## Unu grava pedagoga demando.

De Ivan Valĉanov, Tirnovo, Bulgarujo.

Ni scias tre bone, ke la desegno kaj la kanto estas artoj, ke, ĝenerale l' artoj estas alireblaj nur al tiu, kiu posedas talenton. Bone. Sed tiam, kial oni instruas desegnon kaj kanton en ĉiuj lernejoj por ĉiuj gelernantoj — talentaj kaj sentalentaj? Jen unu grava pedagoga demando.

Por feliĉo, tiu ĉi demando estas solvita delonge, sed por bedaŭro tiu ĉi solvo, laŭ mia opinio, estas tute ne konata de granda parto de la instruistaro kaj de aliaj inteligentaj homoj.

Mi estas gimnazia instruisto — pentristo, instruas desegnon. La plimulto de la gepatroj de miaj gelernantoj tute ne konas la solvon de tiu ĉi demando. Kaj inter ili estas multe da inteligentaj homoj.

Mi kunlaboras en kelke de niaj — bulgaraj pedagogaj — instruistaj gazetoj kaj revuoj. (Ekzemple en „Instruista penso“ kaj „Instruista praktiko“ — organoj de la komuna Bulgara Instruista Asocio.) Tiel same, mi ofte paroladas en instruistaj kunvenoj, konferencoj kaj kursoj, pri la desegna instruo, tial mi scias bone, ke ne malgranda parto de nia bulgara instruistaro havas malklaran ideon pri desegna instruo. Krom ĉi tio, mi jam dum unu tuta jaro interkorespondadas per germana lingvo kaj precipe per nia kara internacia lingvo kun kelko da geinstruistaj fremduloj. Iuj de ili skribis al mi, ke por ili la desegna instruo estas enigmo! Eĉ unu germanlingva instruisto skribis al mi tiel: „Ekzistas ja homoj, kiuj ne havas lingvan talenton, sammaniere ekzistas homoj, kiuj ne havas iun ajn alian talenton. Ĉu estas ĝuste, uzi por tiuj homoj tiom da tempo por afero, en kiu ili certe ne atingos ion? Ĉu ne estas pli bone uzi parton de tiu tempo por branĉoj pri kiuj ili havas talenton?“

Pro ĉio-tio ĉi mi kuraĝas diri tie ĉi tute mallonge mian opinion pri la esenco kaj la senco de la desegna instruo.

Antaŭ ĉio ni devas scii, ke ekzistas granda diferenco inter la desegno kiel libera pura arto de unu flanko, kaj la desegno kiel instruobjekto de alia flanko. Ĝenerale tia diferenco ekzistas inter ĉiu alia instruobjekto de unu flanko, kaj la egalnoma de ĝi, scienco aŭ arto, de alia flanko. Laŭ ĝia esenco kaj senco, la desegno kiel pura arto prezentas superan animan kapablecon,

atingeblan nur por talentaj homaj individuoj. Tiuj ĉi talentaj homoj-artistoj kreas desegnaĵojn aŭ pentraĵojn, per kiuj ili transdonas siajn pensojn, impresojn, sentojn k. a. al aliaj homoj, kaj liveras al ili estetikan plezuron.

Sed la esenco kaj senco de la desegno kiel instruobjekto estas tute aliaj. Ĝenerale la instruobjekto ne estas talento, ne estas kapableco, sed nur unu pedagogia rimedo. Ĝi prezentas unu sistemon de konoj kaj ekzercoj, atingeblaj de ĉiuj gelernantoj en la lernejoj, sed ne nur de kelko da talentaj individuoj el ili. En la desegna instruo tiuj ĉi konoj kaj ekzercoj estas elektitaj el l' arto-desegno kaj el ĝiaj helpaj sciencoj (anatomio, fiziko, perspektivo, estetikeco k. a.) Tiuj ĉi konoj kaj ekzercoj estas tre utilaj kaj necesaj ne nur por disvolviĝo de la desegna talento de kelkaj individuoj, sed por evoluo kaj eduko de ĉiuj gelernantoj. Ekzemple per atingeblaj por ĉiuj gelernantaj ekzercoj je desegno la desegna instruado helpas la disvolviĝon de la infanaj observeco, manlerteco, estetika gusto, memoro, imago, fantazio k. a. ecoj. Krom tio ĉi, per desegna instruo ĉiuj gelernantoj ricevas tre utilajn kaj necesajn konojn pri la formoj kaj koloroj de la objektoj.

Plej poste, la senco de la desegna instruo estas ankoraŭ en la fakto, ko ekzistas neniu infano kiu estas tute sentalenta pri desegno. Ĉiuj infanoj tre amas desegni, sed la plimulto el ili, pro malbona desegna instruo, baldaŭ malamas la desegnon.

Laŭ mia opinio la plej bona desegna instruo estas tiu, kiu estas utila por ĉiuj gelernantoj en la lernejo.

Do, karaj kolegoj-geinstruistoj el ĉiuj landoj, faru ni la desegnan instruon utila kaj necesa por ĉiuj niaj gelernantoj, sed ne nur la talentaj. Alie, la desegna instruo estiĝos efektive, sensenca.

---

## Tutregna Asocio de ĉeĥoslovakaj instruistinoj.

„Říšsky svaz čsl. učitelek", kiu la unua en ĈSR aliĝis al nia TAGE, estis fondita en jaro 1926. Ĝia prezidantino estas la fame konata kaj de ĉiuj ŝatata feministino kaj senatanino S-ino F. F. Plamínková. En nuna jaro havas la Asocio pli ol 1600 membroj, kiuj estas grupigitaj en du sekcioj: la ĉeĥa „Sdružení čsl. učitelek" kaj moravia „Jednota učitelek moravskych". La grupiĝo okazis pro vidpunkto pure organizacia, ĉar la agado de la Asocio estas nekredeble vigla kaj granda.

Pri la multega laboro, plenumata tiom akurate kaj ameme de la ĉefsekretariino kol. Ant. Maxová en Praha, oni povas diri, ke ĝi estas ekonomie dividita kaj sekvata de granda parto de ĉiam helpemaj kaj bonvolaj koleginoj, junaj kaj pliaĝaj, en ĉiuj partoj de la lando.

Jen la nomaro de la plej ĉefaj sekcioj, kiuj zorgas pri diversaj fakaj problemoj: la lerneja, la ekonomia, la sekcio de junaj instruistinoj, la sekcio de edziĝintaj instruistinoj, la reforma sekcio, la gazetara, la gimnastika, la prijuĝa, la kontraŭcelibata, la popollerneja, la ekskursa kaj aliaj.

La Asocio estas en viglaj interrilatoj kun aliaj instruistaj kaj pedagogiaj organizacioj. Ĝi estas membro de la „Ĉeĥoslovaka Federacio Instruista" kaj „Virina Nacia Konsilantaro", krom tio ĝi kunlaboras kun multaj progresemaj institucioj de la lerneja, virina, kultura, sociala, humanisma k. a. interesoj.

Membroj de la Asocio kunlaboras en la reformemaj komitatoj de lerneja fako kaj same en fako de porinstruista klerigado.

La organo de la Asocio estas nomata „List Říšského svazu čsl. učitelek“ kaj aperas dufoje en la monato. Estu citata ankaŭ la Esperanta kroniko en ĝi, kiun skribas kol. J. Šupichová.

Krom tio eldonas la Asocio ankaŭ la monatan ilustritan revueton „Niaj infanoj“, kiu estas destinita al la kunlaboro de „lernejo kaj familio“! Certe, ĝi estas bonega ligilo de ambaŭ faktoroj, kiuj formigas la infanon korpe kaj spirite. Pere de lernantoj la nomita revueto — ĉiam kun la plej severe elektita enhavo — eniras en multajn familiojn kaj — edukas ankaŭ tie — la gepatrojn!

Oni povus ankoraŭ multon rakonti pri la grava laboro kaj penado de la „Tutregna instruistina Asocio“, sed ĉio estas jam ĝeneralaĵoj, kiuj tamen — kvankam ĉie egalaj — alportas al ĉeĥoslovaka instruistino multan frukton, ne ĉiam kaj ĉie facile atingeblan. Julie Šupichová.

———

# Recenzoj.

Janko Todorov, Orfeo. Legenda kantisto kaj religia reformanto en Balkanoj. Sofio 1931. Eldono de „Balkana Konkordo“. Prezo 0,20 sv. fk.; 16 pĝ. La problemo de Orfeo estis kaj estas enigmo. La orfeismo elkreskis sur grundo de Dionisa religio. Ĝiaj disĉiploj kreis grandan religi-ritecan literaturon, la orfeikon, kiu vastiĝis en suda Trakio, meza Grekujo, en insuloj kaj en suda Italio deposi la sesa jarcento antaŭkrista. La orfeismo ne estis ŝtata religio, sed en ĝi la bezonoj de individua animo ricevis superecon. „Homo ekstaras antaŭ la abismo de l' problemoj pri vivosenco kaj lia rilato al dio, kaj mem fariĝas kreanto de sia sorto, ekirante la vojon de pureco kaj sanktiĝo, kaj kuniĝante kun diaĵo mem. „Karakteriza por orfeismo estis la ideo pri metempsikozo (t. e. transmigro de animo per renaskiĝo). La bildo de Orfeo senbarba estas desegnita sur kristanaj katakomboj. Eble Orfeo estis ne nur magia kantisto. — Espereble aperos baldaŭ pluraj libretoj el „Biblioteko Balkana Konkordo“.

Mi profitas okazon, atentigi nian legantaron al bela kaj alloga „Balkana Konkordo“, monata revuo kaj organo de balkanaj esperantistoj. Adreso: Balkana Konkordo, Poŝtenska kutija, 233, Sofio, Bulgarujo. Jarabono 1 dolaro por eksterbalkanaj landoj. K. R.

D-ro E. Esslemont: Baha'u'llah kaj la Nova Epoko. El la angla originalo tradukita de Lidja Zamenhof. 191 paĝoj. 15,5×23 cm. Prezo gmk. 4.—. Eldonejo „La Nova Tago“, Weinheim, Germanujo. Ĉefdeponejo: „Heroldo de Esperanto“, Brüsseler Strasse 94, Köln, Germanujo.

La Bahaa movado prezentas per tiu libro siajn historion kaj instruojn pli detale ol en la verketoj ĝis nun aperintaj. La aŭtoro povas garantii aŭtentikan priskribon, ĉar dum du kaj duono da monatoj li estis gasto de Abdul Baha, plej aĝa filo de Baha'u'llah, diosendito laŭ Bahaa kredo kiel Moseo, Kristo, Mahometo. Abdul Baha mem korektis parton de la manuskripto, Nacia Bahaa Konsilantaro en Anglujo kaj la nuna „Gardanto de la Afero“ (Bahaa) aprobis la verkon.

La verko de Esslemont elmontras la profundajn senton kai volon de tiu „sekto“, kies unu ĉefpostulo estas: amu la homaron!, kiu klare agnoskas samvalorecon de ĉiuj homoj, rasoj kaj religioj. Sendogma, plena de avertoj kontraŭ antaŭjuĝoj kaj superstiĉoj, regas la movadon alta esperdona spirito kaj valorigas la verkon por ĉiu esperantisto, en kiu vere vivas ankoraŭ iom da Zamenhofa volo kaj revo pri homaranismo. Abdul Baha (el Persujo) tre ŝatis Zamenhofon, kiu naskiĝis, kiam Baha'u'llah proponis kreon de universala lingvo, kaj oni ne forgesu, ke Zamenhof respondis al Kristanaj gejunuloj, kiuj estis salutintaj lin dum sia kongreso: „Mi estas nur he-

brea homarano liberkreda; sed . . . kio pli bela en la mondo ol plena sekvado al instruo de Jezuo?" (E. Privat, Vivo de Zamenhof.) — Tri ĉapitroj detale raportas pri vivo kaj faroj de la fondintoj: Bab, la antaŭinto, Baha'u'llah, la diosendito, Abdul Baha, la servanto de Baha. Surskriboj de kelkaj aliaj ĉapitroj montru la penadojn progresigi la mondon: Sano kaj kuracado, Religia unueco, Vera civilizacio, La vojo al paco, Religio kaj scienco. Finas la verkon profetaĵoj kaj el antikvaj sanktaj skribaĵoj (nun plenumitaj de la movado) kaj el la verkaro de Baha'u'llah aŭ Abdul Baha (plenumitaj kaj plenumotaj). Klaran kaj bonan lingvon garantias la nomo Zamenhof. R. W.

---

# Ĝisnunaj rezultoj de uzado de testoj kiel kontrolo de Esperanto-instruado.

De Henrikino Ith-Danneil, Ĝenevo.

Jam plurfoje oni raportis en IPR pri agado de Kunlaborado de IALA (International Auxiliary Language Association) en New York kaj de la Instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig. Ni atentas speciale pri la numero de aŭgusto 1928, en kiu la metodo uzata por mezuri la progresojn dum Esperanto-lernado estas detale priskribita.

Ni ripetas do nur mallonge, ke ni uzis testojn kies folioj estas plenigotaj de la lernantoj je precizaj tempoj; (**testo** signifas: preciza ekzameno farita en difinitaj kondiĉoj, sur bazo de science ellaborita demandaro aŭ enketo; oni uzas tiun vorton ankaŭ por la materialo uzata en tia ekzameno). Tiaj testoj, tute en Esperanto, permesas mezuri el distanco la progresojn de lernantoj, ilin neniam vidante, per uzado de la sama metodo por ĉiuj. Tia metodo estas necesa, se oni volas, de unu centro, kontroli la marŝadon de plejeble multaj instruadoj en la tuta mondo.

La testoj uzitaj ĝis nun ankoraŭ ne liveris rezultojn tute kontentigajn. Ni ne povas konsideri ilin kiel definitivajn. (La kaŭzojn ni tuj klarigos.) Sed ili tamen jam montras direktojn, kaj ŝajnas al ni, ke la instruistoj kaj kursgvidantoj kiuj bonvolis subteni nian laboron, aplikante testojn en siaj kursoj, ĝojos sciiĝi pri la rezultoj — kaj eble eĉ pri la malfacilaĵoj de tiu entrepreno. Aliajn instruantojn ni esperas interesigi, por ĉiam pli kaj pli multigi la nombron da kapablaj kaj fidindaj kunlaborantoj. Ĉar tia esplorado, bazita sur sperto, havas nur sciencan valoron, se la nombro da observitaĵoj estas sufiĉe granda por permesi eltiri ĝeneralajn konkludojn.

*

Antaŭ proksimume du jaroj, ni komencis dissendi niajn testojn, starigitaj sur vortofteco en esperanto-lernolibroj, al instruantoj kiuj estis favore kaj helpprete respondintaj al nia tiucela alvoko. Preskaŭ ĉiuj estis instruistoj; nur kelkaj estis kursgvidantoj.

Ni sendis testarojn al 168 instruantoj de 24 diversaj landoj.

El tiuj:

41 instruantoj (el 14 landoj) resendis kompletajn testojn = 24,40%
57 instruantoj ne respondis kaj nenion resendis = 33,93%
70 instruantoj resendis nekompletajn testojn = 41,67%

El la 41 kompletaj testaroj, nur 28 povas esti konsiderataj kiel taŭgaj por nia laboro. (Ne taŭgaj estas tiaj, ĉe kiuj, ekzemple, la instruisto helpis al la lernantoj, aŭ lernantoj kune laboris, aŭ sekrete helpis unu alian.) La kursoj kiuj liveris tiujn testojn okazis:

| | |
|---|---|
| En Britlando | 1 |
| En Ĉeĥoslovakio | 2 |
| En Estonio | 2 |
| En Germanio | 12 |
| En Svisio | 2 |
| En Rusio | 3 |
| En Aŭstrio | 2 |
| En Ĉinio | 1 |

En Finlando . . . . . . 1
En Hispanio . . . . 1
En Turkio . . . . . 1
**Sumo: 28, el 11 landoj.**

*

**Kiel ni kalkulis la komparotajn rezultojn:**

Por la komparado, ni atentis nur la kompletajn testarojn, t. e. tiujn, kiuj prezentis la paĝojn de la testoj 2, 3, 4, responditaj de unu sama lernanto. La teston 1-an ni ne atentis, ĉar en multaj kazoj la instruisto ne povis ĝin apliki, ĉar lia kurso estis jam komencita, kiam alvenis la testoj; en kelkaj aliaj kazoj, ĝi estis miskomprenita kaj malĝuste aplikita. Ni povis des pli facile ĝin forlasi, ke ĝi havas tute apartan celon, kaj ne interdependas kun la aliaj.

Ni do pritraktis la rezultojn de la kompletaj testoj tiamaniere: Por ĉiu kurso ni skribis sur apartan folion la nomojn aŭ numerojn de la lernantoj vertikale sinsekve. Apud ĉiu nomo ni skribis horizontale la nombron da ĝuste responditaj demandoj en ĉiu testo. (La 2-a testo enhavas entute 48 demandojn, la 3-a 54, kaj la 4-a 52.) Ni adiciis la ciferojn por ĉiu lernanto: unue por ĉiu testo aparte, poste por ĉiuj testoj kune kaj havis tiel la sumon da ĝuste responditaj demandoj ĉe ĉiu unuopa lernanto. Ni poste kalkulis tiujn nombrojn laŭ elcentoj, por povi kompari ilin malgraŭ la malsama nombro da respondoj en ĉiu aparta testo.

Por povi kompari unu tutan kurson kun aliaj kursoj, estas oportune ke ĉiu kurso havu unu ciferon, kiu indikas ĝian valoron, kaj permesas facile kompari. Ni ne uzis por tiu celo la metodon de „meznombro", kiu konsistas el adiciado de ĉiuj unuopaj rezultoj kaj poste el dividado de la sumo per la nombro da unuopaĵoj. Se oni uzas tiun metodon en kurso kie estas, ekzemple, unu aŭ du tre bonaj aŭ tre malbonaj lernantoj, tiuj „esceptoj" en la kurso povas multe influi la meznombron, kiu tiam ne spegulas la ĝeneralan staton de la kurso. Ni do ĉiam kalkulis la **centran valoron**, kaj ne la meznombron.

Por eviti miskomprenon, ni precizigas kion ni intencas esprimi per la vortoj „centra valoro" (anglalingve „median", franclingve „médian", germanlingve „Zentralwert"): La centra valoro estas montrata ĉi tie per la cifero de la lernanto kiu, en la tuta kurso, havas la mezan ciferon.

La centran valoron de ĉiu kurso ni do kalkulis ordigante unu post alia la finan, ĝeneralan elcenton de ĉiuj lernantoj, de la plej bona ĝis la plej malbona, kaj konsiderante kiel centran valoron la nombron en la mezo, aŭ la meznombron de la du mezaj lernantoj, ĉe para nombro da lernantoj.

Ni kalkulis sammaniere la centran valoron de diversaj kursoj.

**Komparado de 28 diversaj eksperimentoj.**

Ni komparis el diversaj vidpunktoj la rezultojn liveritajn per testo-aplikado:

I. Atentante nur pri unu faktoro aparte, nome
   1) Aĝo: 8 ĝis 14-jaruloj, 14 ĝis 18-jaruloj, plenaĝuloj.
   2) Grado de instruo: elementa, duagrada, supera.
   3) Speco de kurso: lerneja longa, lerneja rapida, eksterlerneja.
   4) Nombro da lernantoj en la kurso.

II. Atentante pri du faktoroj samtempe, nome
   5) Germanaj infanoj kaj germanaj plenaĝuloj.
   6) Plenaĝuloj kun elementa instruo, kaj plenaĝuloj kun instruo pli alta ol elementa.
   7) Infanoj kun elementa instruo, kaj plenaĝuloj kun elementa instruo.

Ni bedaŭrinde ne povis fari komparojn el vidpunkto de gepatra lingvo, nek aliajn similajn al tiu de 5), ĉar ni ne havis sufiĉe da rezultoj de alilingvanaj lernantoj.

Jen la detaloj de la komparoj (la ciferoj ĉiam indikas la centran valoron):

**1. Aĝo:**

**8- ĝis 14-jaruloj:**

el 7 kursoj: centra valoro . 76,38%

**14- ĝis 18-jaruloj:**

el 5 kursoj: centra valoro . 84,05%

**plenaĝuloj:**

el 15 kursoj: centra valoro . 87,15%

Laŭ tiuj rezultoj, la infanoj lernis pli malrapide ol la junuloj, kaj la junuloj pli malrapide ol la plenaĝuloj.

**2. Grado de instruo:**

**elementa:**

el 13 kursoj . . . . . 77,60%

**duagrada:**

el 7 kursoj . . . . . 82,81%

**supera:**

el 6 kursoj . . . . . 93,55%

Ju pli alta estis la grado da ĝenerala instruo, des pli rapide lernis la lernantoj.

**3. Speco de kurso:**

**lerneja longa:**

el 5 kursoj . . . . . 70,83%

**lerneja rapida:**

el 5 kursoj . . . . . 88,02%

**eksterlerneja:**

el 14 kursoj . . . . . 87,15%

Rapidaj kursoj estis pli favoraj ol longaj kursoj.

**4. Nombro da lernantoj en la kurso:**

**1 lernanto:**

el 4 kursoj . . . . . 88,88%

**2—5 lernantoj:**

el 7 kursoj . . . . . 87,15%

**6—10 lernantoj:**

el 13 kursoj . . . . . 78,30%

**11—15 lernantoj:**

el 4 kursoj . . . . . 82,81%

Kursoj kun malmultaj lernantoj pli bone sukcesis, ol tiaj kun multaj lernantoj.

**5. Germanaj infanoj kaj germanaj plenaĝuloj:**

**germanaj infanoj:**

el 5 kursoj . . . . . 70,83%

**germanaj plenaĝuloj:**

el 8 kursoj . . . . . 90,98%

Multe pli bonaj rezultoj ĉe plenaĝuloj, ol ĉe infanoj samlingvanaj.

**6. Plenaĝuloj kun elementa instruo kaj plenaĝuloj kun instruo pli alta ol elementa:**

**plenaĝuloj kun elementa instruo:**

el 8 kursoj . . . . . 83,59%

**plenaĝuloj kun duagrada kaj supera instruo:**

el 7 kursoj . . . . . 92,35%

Pli alta grado da instruo, pli bona rezulto. Tamen la diferenco estas pli malgranda, se oni komparas, kiel ĉi tie, nur inter plenaĝuloj, ol kiam oni komparas ankaŭ kun infanoj.

**7. Infanoj (8- ĝis 14-jaraj) kun elementa instruo kaj plenaĝuloj kun elementa instruo:**

**Infanoj kun elementa instruo:**

el 5 kursoj . . . . . 70,83%

**plenaĝuloj kun elementa instruo:**

el 8 kursoj . . . . . 83,59%

Je sama speco de instruo, pli bona rezulto ĉe plenaĝuloj ol ĉe infanoj.

La centra valoro de ĉiuj kursoj kune komparitaj estas: 84,17%.

**Konkludoj:**

a) Rilate al la testoj mem, ni vidas ke la rezultoj estas tre malsamaj, sed tamen prezentas ian unuecon ĉe similaj cirkonstancoj. Tio montras ke niaj testoj estas taŭgaj.

b) Rilate, ĉe taksado de la rezultoj, al la influo de la du faktoroj: kono de Esperanto aŭ inteligento, estus oportune apliki samtempe ĉe la lernantoj testojn pri inteligento en gepatra lingvo. Ni havis okazon rimarki, ke malĝusta respondo al iu demando kelkafoje ne rezultis de ne-kono de Esperanto, sed de ne-kapablo kompreni la intencon de la demando, — do nura inteligenta faktoroj

Tamen la komparo laŭ 1) montras ke diferenco inter infanoj kaj plenaĝuloj estis granda, dume inteligento ne plu aŭ preskaŭ ne plu varias post la aĝo de

14 jaroj. Laŭ tiuj ciferoj, oni facile inklinus konkludi ke la ĉefa faktoro estas la aĝo, kaj ke plenaĝuloj lernas pli rapide ol infanoj kun sama speco de instruo. Ni tamen devas esti singardemaj en nia juĝo, ĉar laŭ la materialo kiun ni havas antaŭ ni, ŝajnas al ni ke la relative malbona sukceso ĉe infanoj venas ĉefe de la **nefavoraj cirkonstancoj ĉe la Esperanto-kursoj en popollernejoj.** Diversaj instruistoj skribis i. a.: ke iliaj lernantoj estas la malpli inteligentaj infanoj el la lernejo, ĉar la pli inteligentaj elektis la anglan aŭ francan lingvon kiel fakon; nur tiuj, kies kapabloj ne sufiĉas por lerni fremdan lingvon nacian, elektis Esperanton; — aŭ: ke Esperanto estis ne-deviga fako, ke ĝia instruado okazis post la aliaj lecionoj, kiam la infanoj estis jam lacaj, ktp. — Por fari precizan komparon, necesus ke ni havu rezultojn de pluraj porinfanaj kursoj okazintaj en bonaj cirkonstancoj. Tiajn ni klopodos havi estonte.

Ni rimarkas aliflanke grandan diferencon inter lernejaj kursoj kiujn ni nomis „longaj", kaj tiuj kiujn ni nomis „rapidaj"; la unuaj havas nur unu lecionon semajne; tiaj kursoj daŭras dum 2—4 jaroj, kaj laŭ la spertoj, malbone sukcesas. Pli rapidaj kursoj, plenumantaj la programon de elementa kurso dum pleje unu lerneja jaro, multe pli bone sukcesis: 82,02% kontraŭ 70,83%.

Ŝajnas do fine ke la plej grava faktoro estas la metodo laŭ kiu la kurso estas aranĝita. Kaj, ĉar la kursoj por plenaĝuloj ĝenerale estas rapidaj kursoj, tio certe estas unu el la ĉefaj kaŭzoj, kial ili relative pli bone sukcesis ol la porinfanaj kursoj. Sed ni certe bezonos pli da materialo por povi eltiri vere precizajn konkludojn.

### Estonta laboro.

La rezultoj ĝis nun akiritaj montras al ni ke

1) la nombro da spertoj
2) la malsameco de multaj cirkonstancoj

ne permesas al ni eltiri definitivajn konkludojn.

Estas do necese, ke ni pli multigu niajn eksperimentojn, ke ni okazigu ilin en plej eble similaj kondiĉoj, ke ni pli funde konu la kaŭzojn de malsameco ĉe rezultoj.

Estus ankaŭ necese, ke la instruistoj komprenu ke temas pri scienca esploro, en kiu la honoro de ĉiu instruanto postulas, ke li klopodu liveri plej precizajn, objektivajn rezultojn, — ne ke li prezentu „bonajn" lernantojn, al kiuj li helpis fari la respondojn, aŭ al kiuj li permesis helpi unu alian. Nia celo ne estas juĝi instruantojn, sed konstati faktojn.

Ni intencas daŭrigi nian esploradon, uzonte testojn starigitajn sur pli vasta bazo, t. e. sur vortoftec ne nur el lernolibroj, sed ankaŭ el naciaj lingvoj kaj el esperanto-literaturo. Ni ankaŭ pli atente zorgos la aranĝojn de la ekzamenoj, klopodante farigi ilin en plejeble similaj kondiĉoj, almenaŭ por similaj kazoj, kie tiaj aranĝoj estas eblaj.

Por atingi tion, ni interrilatos pli intense kun instruistoj, kursgvidantoj, kaj precipe kun pedagogoj kapablaj kaj pretaj apliki testojn en kursoj gvidataj de aliuloj. Laŭ la faritaj spertoj, ŝajnas pli oportune, ke ne la instruisto mem gvidu la pertestan ekzamenon, sed ke alia persono okupiĝanta precipe pri la maniero ekzameni, — dume la ĉefa celo de instruisto estas instrui — zorgu pri aplikado de la testoj.

Estas do nia deziro, ke en ĉiu lando aŭ regiono, troviĝu serioza, helpreta kunlaboranto, kiu subtenos nian laboron kaj ebligos ĝian akuratecon kaj egalecon.

Tiujn, kiuj bonvolas helpi en tiu afero, ni treege petas komuniki sian pretecon al Instituto J. J. Rousseau, 44, rue des Maraîchers, Genève, Svisio. Ni antaŭdankas ĉiujn bonvolajn helpantojn!

---

**La venonta numero aperos la finon de oktobro.**

# Germana Instruista Gazeto eldonas specialan Esperanto-numeron.

Okaze de la Germana Esperanto-Kongreso dum pasinta pentekosto la Hamburga Instruista Gazeto (Hamburger Lehrerzeitung) en n-ro 21/22 aperigis sur 9 paĝoj artikolojn pri Esperanto: Internacia Instruistaro kaj Esperanto, Esperanto en la lernejo, Esperanto kiel literatura lingvo, International Auxiliary Language Association (IALA, Internacia Helplingva Asocio), Jarraporto de la Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj. La unuaj kvar artikoloj estas aĉeteblaj (8-paĝa flugfolio germanlingva) de k-o Schneller, Rückmarsdorferstr. 1, Leipzig W 35 por 0,20 germ. m. (10 ekz. = 1,50 gmk.; 50 ekz. = 6.— gmk.). Havigu al vi la ampleksan propagandmaterialon speciale verkitan por instruistoj.

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.